# Aŭstraliaj Esperantistoj

Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj
Nia Espero Nia Forto

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**
NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

auto 3/04/2012 Tridekunua Eldono 2012 03/04/2012 SENDITA

Mallongaj Informadoj, Diskutoj, Sugestoj, de vi kaj ni.
Se vi trovas bonan informon informu Aŭstraliajn Esperantistojn.

**Ni invitas ĉiujn Esperantistojn kontribui al tiu novaĵa letero.**
Kondiĉoj estas mallonga letero, pri kaj en Esperanto, kun via nomo.
**Via letero ne estos korektita kaj vi respondecas pri ĝia enhavo.**



**Pensu!**
**Kritiku!**
**Laŭdu!**
**Skribu!**
**Progresu!**

Tiu ĉi letero havas "hiperligiloj" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger rspring@tpg.com.au; kaj kopiojn al Ivan ivan@melburno.org.au;

Senpaga Freelang vortaron estas tre uzinda kiam vi skribas, legas per kompulio

**Uzu Esperantajn literojn** **Por vindozaj komputiloj.** **Ek!** aŭ Tajpi
Apple-Macintosh Bonvolu peti helpon de Donald Broadribb donbroadribb@mirmekobo.com
**Se vi ankoraŭ havas ĉapelajn problemojn, diru al ni kion sistemon vi uzas, kaj ni serĉu solvon**

**La epoŝta programo "*gmail*" de Google** transsendas la esperantajn literojn tute bone

## Rekomendata Legado

"*Mirmekobo*," ĉe mirmekobo.com de Donald Broadribb
"Tamen Plu" de Bob Felby Ni sendos kopion al niaj konataj retadresoj
"Telopeo" de EFNSK Ni sendos kopion al niaj konataj retadresoj
"Esperanto sub la Suda Kruco" de AEA www.esperanto.org.au info@esperanto.org.au
Via kluba Novaĵletero? Laŭ peto,ni sendos kopion al niaj konataj retadresoj

NUNONIA "Nun Nia" Novaĵo de la mondo. Esperante http://nunonia.com/
"Aŭstraliaj Esperantistoj" ne estas ligita al iu ajn periodo. Do la informo estas akurata.
La Aŭstraliaj Esperantistoj Novaĵa letero estas elsendata kiam estas sufiĉaj novaĵoj.

**se oni prokrastas ĝis perfekto, oni faras nenion, ĉar atendas la morton. Ne Ĉargrenu! sed Parolu!, Skribu!,**

Traduku angla ĝis Esperanton per Komputilo

"'Aŭstraliaj Esperantistoj' Novaĵletero subtenas liberan sinesprimon kaj honestan kaj senkaŝan artikolojn. Sed ni rezervas la rajton modifi aŭ forigi viajn komentojn se ni konsideras ilin esti ofensiva aŭ tro malrespekta

## GRAVAJ DATOJ (se erara, informu min. rspring@tpg.com.au)

La AEA-jarkongreso okazos en Brisbane 28 septembro ĝis 1 oktobro 2012,

La AEA-somerkursaro en Sidnejo estos 11 ĝis 28 januaro 2013.

Jonatthan Cooper prelegas pri "Moderna arto": 26 majo 2ptm Esperanto Domo, Redfern

**Esperanto** havos 125 jarojn je 26a Julio, 2012




# Kiel uzi "kiel"?

Mi ĵus trovis tiun alineon sur retejo:

"Esperanto estas plej facila lingvo de la mondo kaj, krom angla, la plej multkultura. Infanoj kiuj lernas Esperanton kiel unua flua fremda lingvo estas funkcie dulingvaj frue kaj lernas aliajn lingvojn pli rapide". Kiom el vi povas tuj vidi ke mankas akuzativo?

Ĉu ne estas kontraŭdiro? Esperanto estas tre facila lingvo, sed tamen en ege multaj tekstoj troviĝas gramatikaj eraroj. La supra frazo signifas ke la infanoj estas fremda lingvo. Tio ne havas sencon.

La sekva ekzemplo bone montras kiel uzi "kiel"

La patro elektis lin kiel kasisto. Tio signifas: la patro estas kasisto kaj li elektis lin por fari iun taskon eble.

La patro elektis lin kiel kasiston. Tio signifas ke la patro ne estas kasisto, sed la alia persono fariĝis kasisto.

Konklude se "kasisto" rilatas al la subjekto de la frazo oni ne uzas akuzativon.

Se "kasisto" rilatas al la objekto de la frazo oni ja devas uzi akuzativon. En la supra ekzemplo "unua flua fremda lingvo" rilatas al Esperanto, do ĝi devas esti en akuzativa formo same kiel "Esperanton".

Ni certe devas ne diri ke la gramatiko de Esperanto havas nur 16 regulojn kaj eble ni agnosku ke Esperanto estas malfacila lingvo, sed ke aliaj lingvoj estas ankoraŭ multe, multe malpli facilaj. Multaj personoj ja ŝatas defion kaj eble elektas ne lerni Esperanton ĉar ili pensas ke ĝi estas tro facila lingvo. Alia ofta opinio de personoj kiuj aŭdas, ke Esperanto estas facile lernebla estas ke ĝi tiam ne povas esti vera lingvo. Evidente vere regi la gramatikon de Esperanto ne estas facila tasko.

Ekzistas tre bona gramatik-libro surrete, do mi rekomendas ofte konsulti ĝin.
http://bertilow.com/pmeg/gramatiko/komparoj/kiel_ol/kun_rolmontriloj.html

Amike, Nicole Else nicole@cryogenic.net

*It is a letter from Kevin Smith's daughter. Forwarded by Diano*
diannelukes@yahoo.com

Kevin is now residing in Manly Vale Nursing Home Facility Cnr Condamine St and Gordon St Manly Vale
You can still reach him on his mobile 0424696381 although he doesn’t answer txt msgs as his hands are too weak.
Regards,
Anne-Marie Smith

Maybe some of the Sydney Esperantists could ring him or even visit him sometimes.

## Aŭstro vizitis la Manlian klubon

Dum la renkontiĝo de la Manlia klubo je la 17a de Marto venis gasto el Klagenfurt/Aŭstrio: Martin Ebner estas memstara ĵurnalisto kiu skribas por diversaj Germanaj kaj Aŭstraj gazetoj.

Dum unu monato li feriis en Aŭstralio pere de Pasporta Servo. Li aviadile atingis Darvinon por travojaĝi tutan Aŭstralion pere de busoj kaj trajno. Li jam estis en Broome, Perto, Adelajdo, Alice Springs, Melburno, Brisbano kaj por fini la vojaĝon en Sidnejo. Li tute ne uzis aviadilojn ene de Aŭstralio.




En Sidnejo li loĝis en Esperantodomo. Sabate li vizitis la Manlian Esperanto-Klubon.

Ĉeestis Anthony, Ian, Kris, Eunice,



Rainer kaj Martin.

Poste Rainer montris al li la North-Head-parto de Sydney Harbour National Park. Martin miris, ke eĉ ene de Sidnejo oni povas vidi multe de la Aŭstralia naturo sen vojaĝi milojn da kilometroj.

Merkrede li flugis de Sidnejo al Novzelando por daŭrigi siajn eksplorojn en esperantujo.

-Kun samideanaj salutoj el Germanio

D-ro Rainer Kurz, rainer.kurz@esperanto.de



## Marcel Leereveld

Venis la novaĉo ke Marcel Leereveld estas en malsanulejo pro koratako. Kvankam Marcel estis en bona stata, pasintan dimanĉon, li ekmalsaniĝis.
Ni esperas bonan sanon al Marcel, kaj speciale al Alida.
Ivan Heldzingen 7/5/11 ivan@melburno.org.au;

## Kiel uzi HTML

Mi provis fari etan filmeton por instrui kiel uzi HTML.
http://www.youtube.com/watch?v=AxxnAJnIYeY
Amike, Nicole Else nicole@cryogenic.net

## Vortoj de "Lernu" Plenigaĵo de paĝo

DISTANCO
1. Longo de interspaco:
Kiom longa estas la distanco inter Tero kaj Luno?
Praktiko montras, ke distanca lernado estas efika.
Rigardu la pentraĵojn distance.
Mia domo distancas je du kilometroj de mia laborejo.
La sportisto preterdistancis ĉiujn aliajn sportistojn ĉe la lasta rondo.
Longdistanca kuro ampleksas ĉiujn distancojn de 5 ĝis 42,195 kilometroj.
2. Longo de 200 m (en vetkuroj):
Ili jam finis kuri la distancon.


THE UNIVERSITY OF NEW SOUTH WALES

INSTITUTE OF LANGUAGES

This is to certify that

NICOLE ELSE

has completed the following course conducted by the Institute of Languages University of New South Wales

Certificate In Teaching Languages Other Than English (Esperanto)

Pass with Distinction

This course consisted of 148 hours of instruction.

27 April 2006 to 7 September 2006

Diana Keilar
Director

Germana Eckert
Head of Studies

## La "**Aŭstraliaj Esperantistoj**" novaĵletero suldas multon al **Nicole Else**

Nov-novaĵo estas ĉiama problemo.

Preskaŭ tage Nicole sendas novaĵon, al mi por la novaĵletero.

Mi dankas ĉiun kiu skribis al mi.

Mi dankos ĉiun kiu skribos al mi..

**Post mia insisto,** Nicole preparis, la sekvantan por la "Australiaj Esperantistoj" novaĵletero.

Dankon Nicole, Roger Springer

En la jaro 2006 la universitato de Novsudkimrujo en Sidnejo (Aŭstralio) kreis kurson por trejni Esperanto instruistojn. Temis pri 6 monata kurso (148 horoj). Tri esperantistoj ĉeestis la kurson.

Dum granda parto de la kurso ni ĉeestis klasojn kune kun studentoj kiuj lernas instrui la anglan lingvon al ne angllingvanoj, sed ankaŭ estis klasoj nur por ni 3 Esperanto-parolantoj. Profesoro Daniel Kane instruis nin en Esperanto. Li estas profesoro pri ĉina lingvo en la universitato de Macquarie (Sidnejo).

Ni lernis instrui laŭ la komunikmetodo. Ni devis ankaŭ observi klasojn. Ni ne povis observi klasojn en kiu Esperanto estas instruata ĉar tiam ne ekzistis, sed mi observis klasojn kie la franca kaj aliaj lingvoj estis instruataj. Por havi la diplomon ni devis ankaŭ praktike ekzerci instrui. La universitato do tiam kreis 9 semajnan kurson (2 horojn semajne) por komencantoj kaj ni tri estontaj Esperanto-instruistoj instruis tiun klason de veraj komencantoj .

Por ricevi la diplomon ankaŭ necesis krei instrumaterialojn por 20 hora Esperanto-kurso. Do komence de 2007 mi ricevis mian diplomon. Unu jaron poste la dua kursano ricevis sian diplomon. La tria laŭ mia scio ne finis la kreadon de instrumaterialoj kaj do ne ricevis la diplomon.

Nicole Else nicole@cryogenic.net